


Fondita en 1908.

OFICIALA ORGANO DE LA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

Fondintoj : L. CHAMPY, Fr. SCHOOFS, Am. VAN DER BIEST-ANDELHOF, J. VAN LAERE, Oscar VAN SCHOOR.

Direktoro :
FRANS SCHOOFS, Kleine Hondstraat, 11
ANTVERPENO

Por la anoncoj oni sin turnu al :
H. PETIAU, St. Lievenslaan, 60, GENTO.

JARA ABONPREZO : Fr. 20,—
EKSTERLANDO : Belgoj 5.—

ANTVERPENO
1929

// BELGA ESPERANTISTO
MONATA REVUO
*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

| Direktoro : FRANS SCHOOFS 11, Kleine Hondstraat, Antwerpen Telefono 543.74 | Abonopagoj kaj aliaj Monsendoj al : Poŝtĉeko No 1337.67 de BELGA LIGO ESPERANTISTA |
|---|---|

**Konstantaj kunlaborantoj :** M. JAUMOTTE, L. COGEN, W. DE SCHUTTER, S-ino L. FAES, H. PETIAU, F-ino R. SPIRA, F-ino J. VAN BOCKEL, J. VAN SCHOOR, H. VERMUYTEN.

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

# BELGA LIGO ESPERANTISTA

## RAPORTO DE LA ĜENERALA SEKRETARIO PRI LA AGADO DE 1928.

Estimataj Geliganoj.

Ege grava por nia Liga historio estas la pasinta jaro! Efektive, ĝi estas la jaro de la 20a Universala Esperanto-Kongreso, la jaro de grandega laboro!

Tiu neordinara okazontaĵo incitis ĉiujn grupojn profiti la okazon por fari grandan propagandon por nia afero kaj ili rikoltis bonajn fruktojn. La grupo « Verda Stelo » el Antverpeno, kompreneble plej ageme laboris kaj atingis eksterordinaran rezultaton: je la fino de l'jaro ĝi kalkulis preskaŭ 700 membrojn! Tiu nombro parolas per si mem, plia laŭdo ne estas necesa! Ni nur konsilas, ke la aliaj grupoj sekvu la ekzemplon de tiu modele organizita kaj laborema grupo!

Niaj Bruselaj amikoj ankaŭ tre bone laboris; ili organizis propagandajn paroladojn en ĉiuj partoj de la ĉefurbo kaj ĉirkaŭaĵo; ili malfermis multajn kursojn, kiuj havigis al la grupo aron da novaj membroj.

La grupoj el Bruĝo, Gento, Liero, Meĥleno, Sankta Nikolao, Tirlemont, Verviers, ankaŭ bone laboris kaj malfermis novajn kursojn, sed specialan mencion ni ŝuldas al la nova grupo en Kortrijk (Courtrai), kiu montris grandan agemon. Post bonega propagando ĝi malfermis kurson, kiun ĉeestis ĝis la fino pli ol 160 gelernantoj. Tiun belan rezultaton ni certe ŝuldas al S-ro Advokato Groverman, kiu tre lerte kaj interesmaniere gvidis la kurson. Ni ne dubas, ke la grupestroj zorgos por konservi la plej multon el tiuj bonaj rekrutoj. Ni ankaŭ memorigu, ke la Kortrijka urbestraro donacis al la grupo sumon de Fr. 750.— por la organizo de la kursoj por kiuj ĝi disponigis ĉambregon en la urbdomo. Jen ekzemplo, kiun ĉiuj urbestraroj devus sekvi!

Ni mankus al nia devo se ni ne dirus kelkajn dankvortojn al la « Antverpena Polica Grupo » kies membroj faris tiom da ĉiuspecaj servoj al la ĉeestantoj de la universala kongreso. La grupo ne volis dormi sur siaj laŭroj kaj organizis novajn kursojn kiujn ĉeestis novaj adeptoj. Niajn plej korajn gratulojn al la gvidantoj de tiu por nia movado ege utila organizaĵo !

Krom la kursoj organizitaj de la grupoj multaj aliaj estis faritaj de fervoraj amikoj ĉe diversaj societoj kaj institutoj inter kiuj la Skoltoj, la Radio-kluboj, la Telegrafoficistoj, la « Instituto Supera de Komerco», kie eĉ fondiĝis Esperanto-grupo de Studentoj, kaj la Komerca Instituto St. Ignace, ambaŭ el Antverpeno, la popolaj universitataj, k.t.p. La kursoj oficiale organizitaj de la Antverpena urbo ankaŭ bone sukcesis kaj estas dezirinde, ke la aliaj urboj faru same!

Entute oni organizis dum la pasinta jaro ĉirkaŭ 50 Esperanto-kursojn, kiujn ĉeestis pli ol 1.000 gelernantoj! El tio ni povas kun plezuro konstati, ke la propagando estis vigla, la akiritaj rezultatoj kontentigaj kaj ni povas rigardi la estontecon kun fido: la belga Esperanto-movado ne mortas !

Je sia flanko la Ligestraro okupis sin pri la ĝenerala propagando. La « Gazetara Servo» plej bone funkciadis kaj preskaŭ ĉiuj ĵurnaloj represas niajn komunikaĵojn. Ni pli kaj pli utilos tiun gravan servon.

Ekzameno pri profesora kapableco okazis en Antverpeno la 21an de Oktobro. Akiris la diplomon de profesoro: S-roj M. Boeren, W. De Schutter, P. Kempeneers, F-ino G. Kenens kaj S-ro I. Van Praag. Ni prezentas al la novaj profesoroj niajn plej korajn gratulojn kaj ni esperas, ke ili sukcese gvidos multajn novajn kursojn.

Du novaj kursoj, flandra kaj franca, okazis ĉe Radio-Belgique». Malgraŭ la netaŭga horo de la kursoj, la rezultato estas tre kontentiga : ĉirkaŭ 300 personoj mendis la lernolibrojn. Ni tutkore dankas la profesorojn: S-ron Bas, kiu gvidis la flandran kurson koj Doktoron Kempeneers kiu prizorgis la francan, pro ilia sindonemo kaj multvalora kunhelpo.

La Ligo ankaŭ interrilatis kun diversaj Profesiaj Sindikatoj por ke ili uzu Esperanton dum siaj kongresoj. Plej favoraj estis la respondoj kaj ni esperas, ke la afero estos favore solvita.

Nia daŭra agado ĉe la telegrafo kaj aerveturado estas ankaŭ kuraĝiga. Ĉiuj societoj kaj entreprenoj de aerveturado konsentas pri la alpreno de Esperanto kiel internacia lingvo, sed la afero estas internacia kaj dependas de la registaroj. Ni nin turnis al nia kompetenta Ministro, S-ro Maurice Lippens, kiu akceptis tre favore nian sugeston. Li skribis interalie: « Estas neniu dubo, principe, ke la alpreno de internacia lingvo devas havi plej utilan influon tiom por la aerveturado kiom por ĉiuj aliaj fakoj de la homa aktiveco. Tamen tiu demando ne povas esti praktike solvita tiom longe, ke interkonsento ne ekzistos almenaŭ inter la landoj interligitaj per aerveturadaj linioj, kaj nunmomente, nia rolo devas nur konsisti je la instigo al tiu interkonsento. Konsekvence,

mi komisiis niajn delegitojn ĉe la « Internacia Komisiono de Aerveturado » metigi tiun problemon sur la tagordon de unu el la proksimaj kunsidoj de tiu organismo ». Ni do esperu baldaŭan praktikan solvon de tiu grava demando.

Sed, la plej grava tasko de la Ligo estis la organizado de la 20a Universala Kongreso. Feliĉe, ni kalkulas en Antverpeno aron da bonegaj esperantistoj, kiuj prenis sur sin la tutan entreprenon kaj ĝin majstre plenumis. La L.K.K. plej bone aranĝis la mil kaj mil detalojn de tia organizado; ĝi laboregis tage kaj nokte dum tuta jaro por ĉion prizorgi kaj ĝi plene sukcesis. Ne estas eble al ni danki ĉiujn helpintojn aparte, ni do petas nian Ligan Prezidanton, S-ron Schoofs, kiu, kiel Ĝenerala Sekretario de la L.K.K. kaj Prezidanto de la kongreso mem, estis la vera animo de la tuta afero, ke li transdonu al siaj kolegoj de la L.K.K. kaj al ĉiuj siaj gehelpintoj la plej sincerajn dankojn kaj gratulojn de la tuta belga esperantistaro, sur kiu rebrilas la sukceso de la kongreso. Estu tiu bela sukceso ilia bone meritita rekompenco!

La jarkolekto 1928 de « Belga Esperantisto » enhavis 266 paĝojn, kun i.a. plena dokumentaro pri la Universala Kongreso de Antverpeno. Pro la grandega laboro liverita por la mondfesto, la akurateco en la aperado de la diversaj kajeroj iom suferis. Tiu prokrasto estas nun regajnita, kaj ni povas nun promesi regulan eliradon, sed petas, ke la grupoj subtenu nian laboradon per varbado de abonantaj kaj de anoncoj kaj ankaŭ per havigo de bonaj tekstoj.

Dume, profitante la favorajn cirkonstancojn kreitajn de la kongreso, nia nacia koopera societo « Belga Esperanto-Instituto » plej efike progresadis. Ĝi eldonis multajn librojn, belajn ilustritajn poŝtkartojn, fabrikis malmultekostajn insignojn, gravurajojn, kliŝojn, k. t, p. La rezultato estas, ke ĝia subskribita kapitalo atingas 100.000 fr. kaj ke ĝi disdonis al siaj akciuloj rentmonon de 7½% nete! Notinde estas, ke el sia profito « Belga Esperanto-Instituto » donis al nia Ligo la sumon de Fr. 425.. Ni nur povas varme rekomendi al ĉiuj esperantistoj fariĝi akciuloj de tiu laborema societo por profiti ĝiajn grandajn avantaĝojn kaj subteni ege utilan esperantan organizajon!

Ni do povas konkludi, ke la laboro de la pasinta jaro estas tre kontentiga kvankam ni bone konscias, ke ĉio ne estis perfekta kaj ke la rezultoj povis esti ankoraŭ pli belaj!

La Ligestraro faras ĉion kion ĝi povas por sukcesigi nian aferon, sed, kiel ni jam diris, ĝia laborkapablo estas tre limigita kaj por sukcesi ĝi bezonas la helpon de ĉiuj; de la grupoj, kaj de la Samideanoj individue. Ne sufiĉas kritiki aŭ proponi, sed multe pli efikas serioze kunhelpi! Nur per praktika kaj persistema komuna laboro ni povos rapide antaŭeniradi. « Unueco donas fortecon », ke ĉiu kunlaboru kaj baldaŭ disfalos ĉiuj baroj!

Al la laboro! kaj Vivu Esperanto!

La Ĝenerala Sekretario,
Henri PETIAU.

# RAPORTO DE LA KASISTO

## PRI LA LIGAJ FINANCOJ DUM 1928.

Karaj Gesamideanoj,

Dank'al la XXa Universala Kongreso, nia kaso kontentige pliriĉiĝis dum la lasta jaro.

La nombro de la abonantoj al Belga Esperantisto kreskis ĉefe pro la aliĝo de ĉiuj gekongresanoj.

Niaj enspezoj pli ol triobliĝis.

Niaj elspezoj nur duobliĝis.

Restis fine saldo de pli ol 11.000 fr., el kiu 5000 fr. estis uzataj por partopreno de la Ligo en Belga Esperanto-Instituto. Jam de longe ni intencis subteni tiun plej utilan societon, sed ni ne povis, pro malriĉeco.

| | | | |
|---|---|---|---|
| ENSPEZOJ : | Kotizajoj de membroj | Fr. 292,50 | |
| | Kotizajoj de grupoj | » 2.125,— | |
| | Donacoj | » 74.60 | |
| | Belga Esperantisto: | | |
| | — Izolaj abonantoj | » 1.182,50 | |
| | — Grupoj | » 10.140,— | |
| | — Kongresanoj | » 21.695,— | |
| | — Anoncoj | » 1.688,— | |
| | Diversajoj | » 1.134,40 | |
| | Sume | | Fr. 38.332,— |
| ELSPEZOJ : | Belga Esperantisto | Fr. 20.945,— | |
| | Diversajoj | » 6.034,80 | |
| | Sume | | » 26.979,80 |
| | Profita saldo | | » 11.352,20 |

La nuna jaro verŝajne ne plu estos tiel prospera, sed ni esperas, ke la grupoj vigle laboros por pligrandigi la nombron de siaj geanoj.

La Liga Kasisto: Fern. MATHIEUX.

Uccle, la 25an de Aprilo 1929.

---

# BELGA KRONIKO

**ANTVERPENO.** « La Verda Stelo » Sabaton 2an de Marto la dua mask-kaj kostumbalo okazis. Se ne estis pli da amuzigaj maskoj la kvalito tre certe superis la kvanton. Tre certe proksiman jaron niaj karnavalbaloj iĝos vidindaj aferoj ! Sabaton 9an: Intima festeto je l'honoro de la diplomitaj gekursanoj de S-roj Boeren kaj Vermuyten okazis en « Brasserie de la Bourse » kie ankaŭ S-ro M. Jaumotte faris plej agrablan paroladon agrabligitan pere de lumbildoj. Tiamaniere « La

# *PROPAGANDISTOJ !*

Ĉu vi jam uzis la bonajn propagandilojn :

**LEERBOEKJE VAN ESPERANTO**

kaj

**PREMIER MANUEL D'ESPERANTO**

la plej malmultekostan kaj plej efikan varbomaterialon.

**1 ekzemplero : Fr. 0.50**

**10 ekzempleroj : Fr. 3.50**

---

UZU ANKAŬ la belan broŝuron

**" L'INITIATION à L'ESPERANTO "**

de

M. ROLLET DE L'ISLE

Membro de la Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado

Tiu libreto enhavas plenan informaron pri la historio kaj pri la organizo de nia movado.

**Prezo : Fr. 3.50**

---

Mendu ĉe Belga Esperanto-Instituto

Poŝtĉeko 1689.68 ANTVERPENO

Verda Stelo vojaĝis tra la Pireneoj gviidta de sia elokvanta kaj gaja Prezidanto. S-ro Schoofs, Prezidanto de la Juĝantaro gratulis la profesorojn kaj la gediplomitojn. Por la kurso de S-ro Boeren, akiris la diplomon kun la plej granda merito : F-ino Bertha Van der Goten, F-ino Hollants, S-ro De Kessel, S-ro Iscovits, S-ro Trunk; kun granda merito: S-ro M. Buseyne, F-ino Carolina Amerijckx, S-ro Van Ingelgem, F-ino Linten; kun merito: S-ro Dobrzynski, S-ro Vereecke, S-ro Van Baelen; sukcesis: F-ino Patroons, S-ro Patroons.

Por la kurso de S-ro Vermuyten, akiris la diplomon kun la plej granda merito : S-ro Jorssen, S-ro Weytjens, F-ino Nietvelt; kun granda merito: S-ro Strassberg, F-ino Viellard, S-ro Jorssen, S-ro Leysen, F-ino Jacobs, S-ro Van Echelpoel; kun merito: F-ino Mertens, F-ino Stevens, Charlotte; sukcesis: S-ro Wienen, S-ino Marnef, S-ro Couwenbergh, R.

Sekvis intima dancado kiu plej agrable finigis la vesperon.

Sabatan 16an okazis en «WitteLeeuw», Ĝenerala kunveno. Malfeliĉe pro la « gripo » multaj gemembroj estis malhelpataj ĝin ĉeesti.

Sabaton 23an : nia profesoro S-ro Vermuyten bonvolis fari paroladon kun la temo: « Pri Karakter-ekzameno metodo». Tiuj paroladoj estas ĉiam lecionoj por niaj membroj. Kiu havos la karakteron por sekvi la ekzemplon de S-ro Vermuyten.

Sabaton 30an de Marto okazis en «Witte Leeuw» intima kunveno. Ĝin ĉeestis Angla samideano kiu ankaŭ partoprenis en la intima interbabilado.

Sabaton, la 15an de Junio okazos en la somersalono de la parko « Te Boulaer » la unua somerbalo de la grupo. La kartoj, kiuj kostas kvin frankojn, estas aĉeteblaj en la sidejo (Kleine Hondstraat 11) en la sekretariejo (Schoenmarkt 16) kaj ĉe la diversaj komitatanoj.

BRUSELO. Brusela Grupo Esperantista. — En Januaro la programo enhavis :

Lundon la 17an: Parolata ĵurnalo. Poste amuzaĵoj.

Lundon la 14an: Ĝenerala kunveno.

Lundon le 21an: Parolado de S-ro Spielfiedel pri « Higieno de la buŝo». Tiu parolado estis interesplena ĉar S-ro Spielfiedel estas fakulo. Kiel dentisto, li klarigis kiamaniere oni estas zorgonta la dentojn por ke ili ne difektiĝu kaj kiamaniere oni estas agonta kiam dento difektiĝas.

Lundon la 28an: Amuza vespero.

La 18an de Februaro okazis parolado de S-ro Lavisse, pri « artefarita silko », kiun ni jam publikigis en nia lasta numero.

Malgraŭ tio ke S-ro Lavisse estas ankoraŭ juna Esperantisto, li tre bone sin esprimas en Esperanto. Li klarigis kiamaniere oni povas rekoni la veran de la artefarita silko. Li montris multajn pecojn de stofoj el vera silko, el artefarita silko el miksaĵo de vera kaj artefarita, el kotono kaj artefarita silko, el artefarita silko kaj lano k.t.p. kaj atentigis la ĉeestantaron pri la granda malfacileco kiun oni povas renkonti, por rekoni la diversajn fadenojn uzitajn, dank'al la arto kun kiu oni nun povas prezenti artefaritan silkon.

S-ro Lavisse, ankaŭ fakulo, estis la plej taŭga paroladisto en tiu okazo ĉar li nur klarigas aferojn kaj detalojn pri sia profesio.

Helpita de lumbildoj, D-ro Kempeneers faris, la 18an de Marto paroladon pri «Ortopedio». Denove fakulo parolis pri sia fako. Li montris kiamaniere oni tranĉas kruron aŭ brakon. Poste, li montris la diversajn aparatojn uzatajn antaŭ ol oni povas fiksi la definitivan aparaton, kiu estas la artefarita brako aŭ kruro. Dank'al la lumbildoj, li montris personojn al kiuj oni fortranĉis kruron,kiuj rekomencas marŝi, unue kun helpo ambaŭflanke, poste kun helpo nur unuflanke, kaj fine nur per bastono; poste la persono marŝas en la strato sen ia helpo kaj oni preskaŭ ne plu povas vidi, ke ĝi havas artefaritan membron.

Dimanĉon la 24an, la Grupo faris sian unuan printempan promenadon. La partoprenintoj kunvenis en Treurenberg, veturis trame al Quatre-Bras, iris piede, tra la arbaro de Quatre-Bras al Tervueren, kie ili tagmanĝis. La tagmanĝo estis tre agrabla : oni multe ridis, kantis, amuziĝis diversmaniere kaj vespere, post nova promenado tra la arbaro, la lastaj partoprenintoj disiĝis en Stockel, kie ĉiu entramiĝis por reveturi hejmen.

La sukceso de tiu unua promenado estis granda kaj tuj la partoprenintoj petis, ke oni organizu aliajn ekskursojn.

Antaŭ multnombra ĉeestantaro, la 8an de aprilo, D-ro Van der Biest faris paroladon pri la stranga temo: « Ĉu D-ro Bougrat estas mortiginto ?». D-ro Van der Biest, kiu tre zorge studis tiun aferon, tre klare klarigis la diversajn vidpunktojn. Li montris ke, malgraŭ tio ke D-ro Bougrat ne estis homo tre fidinda (ĉar li faris falsajn ĉekojn) li tute ne intence mortigis la viktimon. La intereso de tiu parolado estis granda kaj la partoprenintoj tre vigle diskutis, post la parolado, la diversajn vidpunktojn klarigitajn de D-ro Van der Biest. La vespero estis vere tre interesa.

**En la Klubo «Laboro kaj Solidareco», Klubo de malnovaj lernantinoj de la Profesia Lernejo Fernand Cocq.** — Mardon, la 9an de Aprilo, en la ĉeesto de S-ro Deputato Fernand Cocq kaj de S-ino Salmon, respektive Honora Prezidanto kaj Prezidanto de la Klubo, D-roj P. Kempeneers kaj W. Van der Biest ekzamenis la gelernantojn de la unuagrada esperanto kurso organizita de la Klubo, kun la helpo de la « Brusela Grupo Esperantista ». Le instruinto, S-ro Brihay, prezentis naŭ gelernantojn, kiuj sukcesis tiele: akiris0.9: S-ro Werner Lepeer; 0.8 ; S-ro Jacques Adamski ; F-ino Georgette Vanhamme ; 0.7 F-ino Simone Thybaert; 0.6: S-ro Emile Jaumotte; 0.5: S-ro Alexandre Guisen; F-inoj Jeanne Bonduelle, Yvonne Jussiant kaj Katia Najer.

Post la anoncado de la rezultatoj, S-ino Salmon sciigis al la gelernantoj ke venontan jaron, « Laboro kaj Solidareco » intencas aranĝi samtempe du kursojn: unuagradan kaj perfektigan kaj la Prezidantino incitis la sukcesintajn gelernantojn viziti la perfektigan kurson venontan.

Lundon, la 22an okazis granda parolado, farita de S-ro Mounier,

inĝeniero, en «Laboratoires Philips Radio Belge», 39, rue d'Anderlecht, en Bruselo pri Radiofonio, televidado kaj parolantaj filmoj.

S-ro Mounier, vera specialisto en tiu fako, tre simple klarigis, eĉ por personoj kiuj nenion scias pri radio, kiamaniere oni povas aŭskulti koncertojn ludatajn tre malproksime, dank'al tre malgranda aparato.

Li klarigis ankaŭ, kion oni ĝis nun scias pri televidado kaj konfesis ke, sincere, oni nur povas diri, ke televidado estas nun je la unuaj paŝoj.

Pri parolantaj filmoj li donis interesajn detalojn klarigante kiamaniere funkcias tiujn specialajn filmojn.

Post la parolado, oni montris al la aŭskultintoj filmon pri la fabrikado de la radiaj kaj ordinaraj elektraj lampoj en la granda fabrikejo Philips, en Eindhoven. Oni montris kiamaniere estas organizata la vilaĝo Philips, en kiu loĝas la tuta laboristaro kun sia familio, tio estas ĉirkaŭ 50.000 personoj.

La saman tagon, « Radio-Belgique» disaŭdigis propagand-paroladon pri Belgujo, en esperanto. Dank'al la helpo de Philips, la aŭskultintaro ĝuis la paroladon de « Radio-Belgique» kaj eksciis pri detaloj interesaj eĉ por Belgoj.

GENTO. — Kunvenoj okazis ĉiumerkrede dum kiuj oni preparis la proksiman kongreson. La Gentanoj esperas, ke multaj Samideanoj ĝin ĉeestos.

SANKTA NIKOLAO. « **Al Triumfo** ». — Sabaton 23-3-29 okazis la jara vespermanĝo de la grupo. Ĉeestis multaj gemembrojn kaj ankaŭ S-roj De Boes el Ronse kaj De Kegel el Aalst. Bonhumoro regis dum la tuta festo kaj bonege zorgis por artplena muziko S-roj Cordeel kaj Fiten, blindulmuzikistoj. Tradicia tombolao kaj dancado fermis la kunvenon.

17-4-29 : Ĝenerala kunveno multnombre ĉeestata. Post bonvenparolado de S-ro Geerinck, Prezidanto, kaj raportoj de S-ro Van Ghendt, Sekretario, okazis diskutado pri la grupaj rilatoj kun « Belga Ligo » kaj pri ĝia organo. La Sekretario ankaŭ varme rekomendis la proksiman nacian kongreson en Gento kaj la libron « Amo kaj Poezio » de S-ro J. Van Schoor.

25-4-29 : Novaj kursoj gvidataj de S-ro Schiffer, la konata amiko el Antverpeno.

« **Verda Rado** ». La datoj de la ekskursoj estas fiksitaj. Baldaŭ oni veturos al la Lago de Overmeire-Donck. Geamikoj el aliaj grupoj estas kore invitataj; ilin sinturnu al F-ino Van Hoeyweghe,361, Plezantstraat.

THIENEN-TIRLEMONT. — 13-3-29. Ĝenerala kunveno de la grupo dum kiu S-ro Dewolfs estis elektata Sekretario kaj S-ro Deetens Komitatano. S-roj Gijs, Prezidanto kaj Rodeyns, Vicprezidanto, priparolis la grupan agadon kaj la estontan propagandon.

---

# BELGA GAZETARO

La ĉiusemajna gazeto « Pro Antverpia» daŭrigas sian propagandon por Esperanto, komencitan pasintan jaron okaze de la universala kongreso de Antverpeno.

La bela revuo « Belga-Radio » redaktata en niaj du naciaj lingvoj enhavas tutpaĝan resumon en Esperanto pri siaj artikoloj. Ni rekomendas tiun revuon al niaj samideanoj-T.S.F.-istoj: ĝi enhavas tre interesajn studojn. Redakcio: W. Lauwers, Lamorinièrestrato, 77, Antverpeno ; Administracio : Dr. H. Bredo, Frederic de Mérodestrato, Mehleno.

«Ons Streven » (Aprilo), organo de la Polica Frataro de Antverpeno, enhavas « Esperanto-Anguleton », kun informoj pri la Antverpena Polica Grupo Esperantista kaj artikoleton «La Trafik-policano». Gratulojn al niaj bonaj policanoj pro ilia imitinda iniciativo !

« De Scout » (Aprilo): unu kolonon da informoj por la Esperantistaj knaboskoltoj.

« I. T. F.», organo de la internacia Federacio de Tranportlaboristoj (1 Aprilo): faskon de novaĵoj pri Esperanto.

« De Diamantbewerker » (27 Aprilo): alvoko en Esperanto por partopreno en la festo de 1 Majo.

Prekaŭ ĉiuj gazetoj presigis la anoncon pri la propaganda Parolado en Esperanto pri Belgujo, dissendita la 22an de Aprilo el Radio-Belgique.

Grava estas la intensa propagando en ĉiuj katolikaj gazetoj de la lando pri la ĵus restarigita « Belga Katolika Ligo Esperantista », kiu estis en 1910 fondita de Pastro Richardson kaj Patro De Coene.

---

# GRATULOJ

**S-ro Gustave Vermandere, Administranto de « La Verda Stelo » kaj de « Belga Esperanto-Instituto » kaj Delegito de UEA en Antverpeno, fianĉiĝis la 6an de Aprilo je Fraŭlino J. Van Caeneghem.**

**Al Gesinjoroj Verhofstadt-Van Haver, el Sankta Nikolao, naskiĝis fileto, Aimé.**

---

# NEKROLOGO

S-ro Maŭrico Schepens, membro de «La Verda Stelo», mortis 34-jara, la 17an de Februaro.

S-ro Poupeye, la sindonema Sekretario de la « Bruĝa Grupo» perdis sian fileton.

F-ino Anna Goris, anino de la Grupo el Sankta Nikolao, mortis la 6an de aprilo. La solenan enterigon en Zwyndrecht ĉeestis delegitaro. Florkronon oni deponis je la nomo de « Al Triumfo » kaj de « Verda Rado ».

« Belga Ligo » kaj « Belga Esperantisto » prezentas siajn plej sincerajn kondolencajn sentoj al la funebrantaj familioj.

# LA KOMISIISTO

Li iras sian komisivojon; la vento distiradas lian blankan barbon; la pendopartoj de lia surtuto blovetas.

De tempo al tempo li ekkaptas per la dekstra mano sian maldekstran flankon. Tie pikas io ! sed li ne volas tion konfesi kaj kredigas al si ke li palpas la leterujpoŝon.

« Ke mi nur ne perdu la kontrakton!» Pro tio li timegas.

« Eĉ se pikas iome, ne estas grave: Mi estas, dank' al Dio, ankoraŭ sufiĉe fortika por fari komisiiojn. Alia en mia aĝo ne povus iri eĉ unu kilometron; sed mi, laŭd' al bona Dio, mi povas tion ankoraŭ kaj ne devas peti fremdan kompaton. Mi estas kapabla gajni mem mian panon. Dank' al Dio, oni eĉ konfidas al mi monon!»

« Se mi posedus tion, kion oni hodiaŭ al mi konfidis, tiam mi sepdekjarulo ne devus plu esti komisiisto. Sed la estro de l'mondo certe volas tion, do ke estu tiel!»

Dikaj neĝeroj falas; ili pendiĝas ĉe la barbo de l'komisiisto kaj ĉiam li devas viŝi sian malsekan vizaĝon.

« Nun restas nur duono da mejlo. Nu, tio estas la tuta grandega vojo.

Li deturnas sin: « Mi jam trapasis la plej grandan parton. La urbdomhorloĝo, la preĝejo, la kazerno ne estas plu videblaj. Hu, Ŝmarje, trotu ! »

Ŝmarje trotas en la malseka neĝo; la maljunaj piedoj eniĝas kaj eliĝas.

« Dank' al Dio, la vento ne estas tiel terura ! »

Teruran nomas Ŝmarje nur ventegon. La vento estas nun sufiĉe forta kaj frapas en lian vizaĝon tiel, ke lia spiro haltas. Pro la vento larmiĝas liaj maljunaj okuloj; ili pikas kiel pingloj. Dum la komisivojoj li ĉiam havas aferon pro siaj okuloj.

« Per la unua mono mi aĉetos okulvitrojn. Grandaj, fortaj; ili devas tute kovri la okulojn ».

Se Dio helpos, mi atingis ankaŭ tion ! Se mi nur havus ĉiutage komisivojojn, grandajn, malproksimajn. Iri mi ja povas, Dank' al Dio; do mi povus jam ŝpari ion por okulvitroj...»

« Pelto estus ankaŭ bona. Ĝi varmigus mian bruston kaj tiam estus pli facile al mi... Estas vere, ke mi havas ankoraŭ varman surtuton. Se ĝi ne truiĝus, ĝi povus ankoraŭ bone varmigi.»

Ŝmarje ridetas plezure: « Ne estas hodiaŭa surtuto, ne estas araneaĵo. Estas lana ŝtofo el malnovaj bonaj tempoj; ĝi certe postvivos min! Ĝi ne disŝiriĝas; tio estas ankaŭ profito, ĝi ne disiĝas kiel nuntaga komercaĵo, kaj poste ĝi estas duoble farita!

« Pelto estus ja pli bona. Pelto estas varma, tre varma. Sed unue la okulvitroj ! Pelto estas bona nur por vintro, sed okulvitrojn mi bezonas ĉiam; ĉar dum somero, kiam la vento frapas polvon en okulojn, ili fartas pli malbone ol dum vintro ».

Ŝmarje firme decidas: unue la okulvitroj, poste la pelto.

« Ke Dio nur helpu al mi, ke mi ricevu orde la tritikon... Kelkaj guldenoj restos ja en tiu okazo...

Li ŝovas sin plu; la malseka neĝo frapas lian vizaĝon, la vento fortiĝas pli kaj pli, la pikado en la maldekstra flanko plimalboniĝas.

« Se nur la vento turnus sin! Sed eble estas plibone tiel, ĉar dum la reveno mi estos tre laca. Tial mi preferas havi la venton kontraŭ la dorso. Tiamaniere, kiam ĉio estos bone finita, mi povas marŝi facile, kun malpeza koro ! »

Li devas halti por spiri. Timeto eniĝas en lin.

« Kio mankas hodiaŭ al mi ? Ĉu mi ne venkis kiel limgardisto sufiĉe da frosto kaj vento ?» Tiu penso iom post iom priokupas lin. Li memoras sian militan servadon kiel Nikolaja soldato. (1) Dudekkvinjara severa servo per batalilo, plie dek jarojn ĉe la limo. Tiam li sufiĉe iradis, marŝis tra montoj kaj valoj, en neĝo, frosto kaj ventego. Tio estis neĝo! tio estis frostoj! La arboj fendetiĝis, la birdoj falis mortaj el la arboj. Kaj Ŝmarje, la soldato en rusa armeo, marŝis ĝojkore kaj freŝe je la sono de kanto kaj batis la takton per la piedoj.

La penso, ke li elportis plenajn tridekkvin jarojn da servo, venkis ĉiujn penojn, ĉiujn frostojn, ĉiujn ventegojn, ĉiujn batojn, malsaton soifon kaj mizeron, kaj revenis sane hejmen, tiu penso fierigas lin. Li levas kun indeco sian kapon kaj marŝas kun freŝa forto antaŭen.

« Ha, ha, kion signifas por mi tia malgranda frosteto kiel hodiaŭ? En Rusujo estis aliaj malvarmecoj!»

Li iras plu. La vento malpliiĝas. Iĝas mallume. La nokto alvenas.

« Ne estas ĝusta tago ; tuj ĝi forpasas... » Li rapidigas siajn paŝojn por ke la nokto ne surprizu lin dum la vojiro. Ne estis vanaj la bibliokursoj, kiujn Ŝmarje ĉeestas en la malgranda sinagogo; li scias, ke la foriro kaj alveno devas okazi je la plena lumo.

Li komencas malsati. Sed estas lia eco, ke li estas gaja, kiam li malsatas. Li scias, ke la apetito estas bona afero; la riĉuloj, kiuj uzas lin por komisivojoj, ĉiam plendas pri tio, ke ili ne havas bonan apetiton. Sed Ŝmarje havas, dank' al Dio, apetiton. Escepte dum la tagoj, kiam li ne fartas tre bone, kiel ekzemple hodiaŭ.

« Tiam mi certe estis malsana; la pano estis tro acida por mi. Tio estas certe nur imagiĝo, ĉar soldata pano ne estas acida. Eble antaŭe estis tiel. Sed nun? Nun bakas la Rusoj tian panon, ke ĉiuj judaj panistoj povus kaŝi sin. Kaj mi akiris freŝan panon. Estis refreŝigo tranĉi ĝin. Certe mi ne fartis bone; mi sentis ankaŭ frostotremon tra miaj membroj. »

« Sed dank' kaj laud' al Tiu, (2) kies nomon mi ne indas elparoli, tio ne okazas ofte al mi. »

Nun havas Ŝmarje apetiton: « Mi ja havas panon kaj pecon da fromaĝo en la poŝo... La fromaĝon donis al mi la komercistedzino, por kiu mi nun komisiiras, ke ŝi vivu kaj estu sana! Ŝi estas bonfarema kaj havas veran judan koron. Se ŝi nur ne malbenus, ŝi estus honesta virino ! »

Tiuokaze rememoras Ŝmarje sian mortintan edzinon.

# BANQUE DE FLANDRE

ANONIMA SOCIETO EN GENT - FONDITA EN 1847

Deponaj kaj duonmonataj kontoj

Diskonto kaj enkasigo de biloj

Kreditleteroj

Konservado de obligacioj kaj titoloj

Aĉeto kaj vendo de obligacioj

Pruntedono sur obligacioj

Enkasigo de kuponoj

Luigo de monkestoj

ĈIAJ BANKAFEROJ.

(101)




Por kondiĉoj kaj mendoj oni sin turnu al:

**37, Belgiëlei, Antwerpen. — 37, Avenue de Belgique, Anvers.**


LA VOIX
DE SON MAITRE

« Ŝi estas nova eldono de mia Sprinco. Ankaŭ ŝi havis bonan koron sed samtempe la kutimon malbeni! Kiam unu el infanoj iris for al la fremdaj landoj, ŝi ploris kiel frenezulino; sed tiel longe kiam ili estis hejme ŝi insultis ilin per teruraj malbenoj. Se iam unu el infanoj mortis, kion ŝi elpensis! Ŝi ruliĝis dum tutaj tagoj sur la tero kaj frapis la kapon kontraŭ la plankoj. Iafoje ŝi eĉ ĵetis ŝtonon kontraŭ la ĉielo. Same kiel Dio atentus al furiozo de freneza virino! Tiam ŝi ne lasis forporti la korpon de la infano. Ŝi survangis la korpgardantinojn, al la ĉerkportistoj ŝi forŝiris la barbojn! Ŝi estis forta, la malgranda, maldika Sprinco! Ŝi aspektis kiel malforta muŝo, sed tamen ŝi havis forton, forton...»

« Malgraŭ ĉio kaj ĉio - ke ŝi pardonu al mi - ŝi estis bonkorulino. Ŝi tamen ne koleris kontraŭ mi, kvankam mi neniam aŭdis bonan vorton de ŝi. Estas vere, ke ŝi ĉiam kriis: Eksedziĝu! Eksedziĝu! Se ne, mi foriros! Sed vere ŝi neniam volis la eksedziĝon».

Ŝmarje subite rememoras ion kaj ridetas...

La afero okazis antaŭ longe, tre longe. Tiam ekzistis ankoraŭ branda imposto. Ŝmarje estis nokta gardisto kaj patroladis tutan nokton por spioni, ĉu oni ne kontrabandas brandon.

Li bone konis la servon lernante la rusan metodon. La instruado estis ja sufiĉa kaj la instruistoj fervoraj. Antaŭ la tagiĝo — estis vintro — venis la taggardisto Chaim Jona (li ankaŭ jam estas en la mondo de l' vereco) (3) por anstataŭi lin. Ŝmarje reiras hejmen, rigida, tremante pro la malvarmo. Li frapas ĉe la pordo. Ŝprinco krias el la lito :

« Iru al diablo ! Mi opinias, ke vi konas la vojon !

« Fermu la buŝon kaj malfermu la pordon!» — krias li.

« Mi malfermos al vi la kapon » — estas la preciza respondo.

« Enirigu min !

« Iru al diablo ! respondas Sprinco.

Tiam Ŝmarje preferis ne debati pli longe kaj iris al la bibliolernejo. Tie li kuŝiĝis apud la forno. Malfeliĉe la forno fumis, Ŝmarje svenis pro la haladzo kaj oni alportis lin hejmen duonmorta.

« Kion Ŝprince tiam elpensis ! Mi ankoraŭ precize rememoras... Oni diris al ŝi ke ne estas grava afero, nur malgranda sveno. Sed ne, — ŝi nepre volas venigi la kuraciston! Ŝi preskaŭ estas perdonta la saĝon, volas ĵeti sin en la riveron kaj senĉese kriadas: Mia edzo, mia malfeliĉa edzo, mia prunelo! Per plej granda peno mi leviĝis en la lito kaj demandis ŝin mallaŭte :

« Ŝprince, ĉu vi volas eksedziĝi ? »

« Iru al...» ŝi ne elparolis la malbenon kaj komencis subite plori:

« Ŝmarje, ĉu vi opinias, ke Dio punos min pro miaj malbenoj kaj mia malbono ?...

« Sed apenaŭ mi resaniĝis, ŝi reiĝis la antaŭa Ŝprince. La lango kiel horloĝo, la parolado kiel maltrankviliĝo kaj fortikaj ungoj: Ŝi skrapis kiel kato. Jes, jes ! Domaĝe tamen pri Sprince! Ŝi eĉ ne alvivis ĝojon de siaj infanoj ! »

« Ili certe fartas bone en la fremdaj landoj. Ĉiuj estas laboristoj.

Laborante neniu mortas pro malsato. Ili estas fortaj — per tio ili similas al mi. Nu jes — ili ne skribas. Kiel do ili povus? Ili mem ne scias skribi, kaj peti iun por skribi — ha, tia letero ne estus la ĝusta. Antaŭtaga supo! Kaj plie, junaj infanoj forgesas iom post iom —, sed certe ili fartas bone... Nur la malfeliĉa Ŝprince kuŝas en la tero. Domaĝe pri Ŝprince! »

« Kiam oni deprenis la brandimposton, tiam estis la fino de la virino! Estas vere, ĝis mi kutimiĝis al la vojiro, ĝis mi ellernis ne fari rusajn honoraĵojn al la pola landsinjoro, ĝis oni fidis al mi kontraktojn kaj monon, — ĝis tiam la seka pano sufiĉe ofte mankis hejme... »

« Mi, viro, antaŭa limgardisto, mi povas suferi senmanĝan tagon. Sed por ŝi tio estis plend'al Dio, la morto! Malsaĝa virino! Ĉiuj ŝiaj fortoj irus for; eĉ malbeni ŝi ne povis plu. Ŝiaj malbonajoj estis kiel forblovitaj. Nur plori ŝi estis kapabla!...»

« Mia vivo estis senpacigita... Dio scias — subite ŝi timis min! Eĉ ŝi ne volis manĝi, timante ke mankos al mi. Kiam mi vidas, ke ŝi timas, mia kuraĝo leviĝas; mi krias, mi insultas. Ekzemple». Kial vi ne manĝegas? Foje mi tiel ekkoleris, ke mi volis bati ŝin. Sed provu iu bati virinon, kiam ŝi sidas kun kruce kunmetitaj brakoj, senmove! Furiozante, mi ekkaptas balailon. Tiam ŝi diris: «Unue manĝu vi, poste mi manĝos! » Do mi unua devis manĝi kaj lasi por ŝi la restojn... »

Foje ŝi devigis min eliri: Iru al la vendejo, mi de nun manĝos, iru do! Eble vi gajnos iom! — kaj ŝi ridetis kaj karesis min. Kaj mi eliris.»

« Kiam mi revenis, mi trovis la panon netuŝita! Ŝi kredigis al mi ke ŝi ne povas manĝi sekan panon kaj kuiros iom da grio ».

Li klinas sian kapon, kvazaŭ peza ŝarĝo premegus lin kaj la malgajaj pensoj pasas plu!

« Kiel ŝi komencis krii kiam mi volis garantidoni mian sabatvestaĵon, kiun mi nun portas! Ŝi ne permesis tion kaj alportis en la pruntoficejon siajn flavajn kuprajn kandelingojn. Ĝis sia morto ŝi devis poste meti la sabatkandelojn en terpomoj... Antaŭ la morto ŝi konfesis al mi, ke neniam ŝi deziris la eksedziĝon, ke estis nur ŝia malbona lango».

« Tiu lango, tiu lango! — Kriis ŝi. Estro de l'mondo, pardonu al mi mian langon!» — Kaj ŝi mortis kun la tima penso, ke en la estonta mondo ŝi estos pendota per la lango!»

« Dio ne havos kompaton pri mi — diris ŝi — ĉar mi tromulte pekis! Sed kiam vi tien venos — ne baldaŭ, ke Dio antaŭŝirmu —, kiam vi (post cent dudek jaroj) (4) venos, tiam estu kompatema kaj liberigu min el la puno. Diru al la juĝantarestro ke vi pardonis al mi!»

« Poste ŝi baldaŭ perdis la scion. Ŝi senĉese vokis la infanojn. Ŝi kredis, ke ili estas hejme, ke ŝi parolas kun ili kaj ankaŭ ilin ŝi petis pardonon! Malsaĝa virino! Kiu ne pardonus al ŝi ? »

« Kioman aĝon ŝi havis do ? Mi opinias, preskaŭ kvindek jaroj. Ŝi mortis tre frue! Certe, ke ŝi mem mortigis sin! Ĉar por ĉiu objekto kiun oni forportis al la pruntoficejo, ŝi donis parton de sia sano !... De l'tago al tago ŝi iĝis pli pala, pli malgranda kaj maldika. Ŝi diris, ke ŝi sentas, ke sia ostcerbo elsekiĝas... Ŝi sciis, ke estas ŝia fino !...

« La hejmo kun tuta teleraro, tion ŝi ŝatis! Kio estis forportita, ĉu rompita ligna benketo, ĉu truita lada poto, pri tio ŝi ploris varmegajn larmojn; ŝi adiaŭis ĉiun objekton, kiel patrino sian infanon!... Ĉirkaŭprenis ĝin kaj preskaŭ kisis, kaj ŝi diris ĉiam: Ha, kiam mi mortos, vi ne apartenos plu al la domo !...

« Jes, kion fari — virino estas ĉiam malsaĝa ! Foje ŝi estas severa kaj sovaĝa kiel kozako kaj baldaŭ poste sentema kiel infano! Kvazaŭ kiel la morto estus alia kun malnova ligna benketo ol sen ĝi !

« Ba ! » Ŝmarje interrompas siajn pensojn — « kial do ĉio tio promenas en mia kapo ? Pri tio mi iras tro malrapide».

« He, soldataj kruroj, moviĝu!» — li ordonas.

Li rigardas. Ĉie ĉirkaŭe neĝo. Super ĝi griza ĉielo flikita je nigraj ĉifonaĵoj.

« Kiel la rando de mia surtuto; flikita kaj ĉifona. Bona Dio, ĉu la vendisto ne pruntas ankaŭ al vi ?»

Komencas frosti. La lipharoj kaj la barbo unuiĝas. En la korpo io ne estas orde : la kapo estas varmega, sur la frunto sentas Ŝmarje ŝviterojn. Nur la piedoj iĝas pli kaj pli malvarmaj kaj malfortaj.

« Ne estas plu malproksime ». Ŝmarje deziras ripozi, sed li hontas pro si mem. Estus la unua fojo, se li devus ripozi de dumejla komisiiro. Ke li trapasis sepdek jarojn kaj havas rajton ripozi, tion la komisiisto ne volas konfesi al si.

« Plu... plu... Kiomlonge oni iras, oni sukcesas, oni iras malgraŭ si. Sed kiam oni cedas al la malbona instinkto, oni iĝas mallaborema kaj peza ».

« Kaj oni povas facile malvarmiĝi!» Per tiu timigilo volas Ŝmarje forpuŝi la fortegan ripozdeziron.

« Ne estas ja plu malproksime ĝis la vilaĝo, tie mi havos tempon ripozi! Kaj mi faros tiamaniere: Mi ne irus tuj al la landsinjoro; li atendigas min tutan horon. Unue mi iros ĉe la vilaĝjudo.»

« Bone, ke mi ne timas la hundon de la landsinjoro; tamen kiam la besto estas nokte elĉenigita, tio ne estas agrabla. Mi havas mian vespermanĝon kaj la kanajlo ŝatas fromaĝon. Tiam estas certe pli bone, ke mi antaŭe ripozigu miajn ostojn, ke mi unue iru ĉe al vilaĝjudo, ke mi varmiĝu iomete, lavu min kaj manĝu tie...»

La salivo kunfluas en la buŝo de la maljunulo; de la frua mateno li nenion manĝis. Sed tio ne malhelpas al li. La malsato ne ĝenas lin. Li estas gaja pri tio: kiu malsatas, vivas! Sed la kruroj, la kruroj... Ankoraŭ du verstojn. Jam estas videbla la garbejo de la bienkortego... Sed la piedoj nenion volas vidi; ili volas ripozi!

« Fine — kio okazis, se mi ropozus iome ? Nur unu minuton ! Duonon! Ĉu mi provos tion ? Kial ne ? Estas pripensinde. La piedoj obeas ja al mi tiel longe, do mi povus unufoje obei al ili ! »

Ŝmarje sidiĝas apud la vojbordo, sur la neĝamaseton. Nur nun li aŭdas kiel la koro frapegas. En la brusto pikas. La frunto lumetas pro ŝvito. Li ektimas.

« Mi ja ne malsaniĝos ? Mi havas kune fremdan monon! Mi estas ebla, — ke Dio antaŭgardu — sveni ! »

Unu pripenso trankviligas lin: Dank' al Dio, ke neniu iras tiun vojon. Se eĉ iu venus, li ne supozus, ke mi portas monon. Al tiaj mizeruloj oni fidas la monon!... Sidi nur unu momenton kaj poste antaŭen!»

Liaj palpebroj fermiĝas.

« Ne, leviĝu Ŝmarje! Stariĝu!» — li ordonas.

Ŝmarje povas ankoraŭ ordoni, sed ne plenumi plu la ordonon. Li ne povas moviĝi el la loko. Sed ŝajnas al li, ke li iras, ke li iras pli kaj pli rapide! Jen estas jam la vilaĝdometoj... Tie loĝas Antko, tie Basilo; li konas ilin ĉiujn; li prunteprenas de ili la veturilojn. Ĝis la vilaĝjudo estas ankoraŭ malproksime... Sed li iros tuj ĉe lin! Tie oni kelkfoje gajnas...

Ŝajnas al Ŝmarje, ke li iras al la domo de l'judo... Sed la distanco iĝas pli kaj pli granda... Certe, estas ja la lasta domo de l'vilaĝo... Fajreto brulas en la forno... La fenestro estas lumigata per gaja ruĝo... La dika Mirlo certe kuiras grandan poton je terpomoj... Ŝi ĉiam regalas min per varmega terpomo! Antaŭen do, antaŭen !...

Tio ŝajnas al la maljunulo, dum li sidas senmove sur la neĝamaseto. La frosto iomete malpligrandiĝis. Falas pezaj, dikaj neĝeroj. La neĝvestaĵo varmigas. Ŝajnas al Ŝmarje, ke li jam estas ĉe la judo en lia ĉambro. Ĝi ankaŭ forfluas de lia lana surtuto. Jojno, la vilaĝjudo, promenas en la ĉambro kaj kantetas. Li havas la kutimon kanti post la vesperpreĝo, ĉar li malsatas. Intertempe li vokas al la forno: « Nu, Mirlo ? »

Sed la devizo de Mirlo estas: Rapidiĝu per pacienco.

« Ĉu mi dormas, ĉu tio estas revo ? » — Agrabla timeto eniĝas Ŝmarje. Li vidas, ke la pordo malfermiĝas. Lia unuenaskita filo eniras... « Ĥone! Ĥone! Ho, rekonas lin?... Kio alkondukas lin?»

Ĥone ne rekonas sian patron, li nenion rimarkas... Ha, ha, ha!... Li rakontas al Jojno, ke li vojaĝas al sia patro, li demandas lin pri sia patro... Li ne forgesis la patron!... Kaj la insida Jojno, la fripono, ne diras al la junulo, ke la patro sidas sur la benko en la ĉambro!... Mirlo estas okupata per la terpomoj; ŝi nenion eldiras... Ŝi nur ridetas... Ŝi kunmiksas la terpomojn per la granda kulero kaj ridetas !

Ho! Ĥone certe estas riĉa, tre riĉa! Ĉiuj liaj vestaĵoj estas novaj, neŝiritaj kaj li havas horloĝĉenon. Ĉu ĝi estas tombaka ? Ne, certe ora! Ĥone ne portus tombakan horloĝĉenon... ha, ha, ha!...

Ŝmarje rigardas en la rosttubo de l'forno... Ha, ha, ha!... La rido preskaŭ sufokas lin... Janklo, Berklo, Sharjo... ĉiuj tri... ha, ha, ha!... kaŝitaj en la rosttubo... Tiaj bonfartuloj!... Ha, ha, ha!... Domaĝe pri Sprince, domaĝe! Se ŝi povus senti tiun ĝojon !

Hône intertempe mendas du anserojn. « Ĥone, Ĥone! Ĉu vi ne rekonas min? Mi estas tie ĉi!...» Ŝajnas al li, ke li kaj Ĥone komencas kisi reciproke...

«Ĉu vi scias, Ĥone, bedaŭrinde, ke la patrino ne povas plu vidi vin!.. Janklo, Berlo, Sharjo, eliru el la rosttubo! Mi tuj rekonis vin. Venu, venu; mi sciis, ke vi venos! Efektive, mi alportis al vi fromaĝon, veran ŝafofromaĝon! Rigardu, infanoj! Vi ja Ŝatas soldatan panon! Aŭ ne ? Vere, domaĝe pri la patrino!»

Ŝajnas al li, ke ĉiuj kvar filoj ĉirkaŭas lin, kisas kaj ĉirkaŭprenas lin.

« Atentu, infanoj, ne tiel vivege! Ne dispremu min! Mi ne estas plu junulo, mi estas pli aĝa ol sepdekjarai!... Atentu, infanoj, vi ja stringas min! Atentu, karaj infanoj... Maljunaj ostoj... Atentu... mi havas monon en la poŝo! Dank' al Dio... oni fidas al mi monon!... Sufiĉas... karaj infanoj... karaj infanoj... sufiĉas!...

Sufiĉas. Rigidiĝinta sidis la maljunulo en la neĝo, la mano premanta la leterujpoŝon.

El juda lingvo tradukis R.S.

---

## NACILINGVAĴO KAJ DU ANDENAJ FOLKLORAĴOJ.

La subskribanto ricevis antaŭ kelkatempo libron verkitan de nia malnova amiko, Dro A. Mélin kaj titolitan : « Une cité carolingienne. Histoire de la ville et du ban d'Andenne » (presejo H. Vaillant-Carmanne, 4, Place St Michel, Liége, 1928 — ne montrita prezo). Sur la titola paĝo estas reproduktita parto de l'Fonto de l'Urso et Hoseilles, tie konstruita dum la XVIIa jarcento por memorigi pri la legendo laŭ ki Karolo-Martelo, filo de Pepino el Herstal kaj de l'bela Alpaido, naskiĝinta en Andeno, estus mortiginta urson kiu terurumis la regionon. La « ŝtono » montras la urson kun flanko traborita de sago, kaj malsupre estas enhakita, la jena naiva klarigo: « Charels Martel, l'an sept cent peu plus, me mist icy à mort cruèle» (Karolo Martel, iom post la jara cept cent min ĉi-tie kruele mortigis).

Tiu epigrafo, tiel diras la aŭtoro, en sia antaŭparolo, bone montras la spiriton kiu inspiris ĉi-tiun libron: la amon al la naskiĝurbo kiu kondukas al la amo por la patrujo.

La verko, bela in 8°, 358 paĝa volumo, estas la rezultato de 25 jara esplorado kaj legado de granda aro da manskribitaj arhivajoj kaj serio da historiaj kaj arheologiaj verkoj. Ĝi konigas dumiljaran historion ĉirilatan de l'urbeto Andenne: de l' Galia altimitato, de Julio Cezaro ĝis la momento de l' mondmilita eksplode (1914)! Gi prezentas do plenan kaj legindan raporton pri la urbo fondita de Sanktulino Begge, la glora prapatrino de l'fama okcidenta imperiestro Karolo la Granda!

La rakonto estas verkita en stilo tute simpla, vivplena, do komprenebla kaj interesiga por ĉiuj legantoj.

La aŭtoro ankaŭ volonte raportas pri la lokaj legendoj kaj malnovaj kutimoj, kaj ni ne kontraŭstaras al la tento traduki ĉi-sube, du folklorajn kutimojn, ne preterlasinte tamen treege rekomendi al ĉiuj interesuloj la aĉeton kaj legadon de tiu tre interesa libro verkita de malnova Esperantisto.

L. COGEN.

### I. — Les Vôyes di Mâye. — La Majaj vojetoj.

Dum la nokto de l' 30a de Aprilo ĝis la 1a de Majo, oni semis sablon formantan vojeton (one vôye) kondukantan de unu domo ĝis la alia de du geamantoj, aŭ supozitaj tiaj. La sekvantan matenon, la gejunularo amuzis sin sekvante tiujn vojetojn kaj tiel malkovris iujn sekretojn.

Sed ofte, la junulinoj kiuj havis ion por timi tiurilate, ellitiĝis frumatene por forbalai de antaŭ sia sojlo la suspegtigantan sablon!

Iafoje, tiu kutimo estas farita kontraŭ belaspekta, fraŭla urbestro kaj de tiam ĝi estis malpermesata, ĉar ĝi okazigis... trouzojn! Tamen la memorigo al ĝi, ne jam estas perdita kaj oni vidas ankoraŭ iafoje, la matenon de l'unua de majo, vojeton kunligantan du domojn, se ne du korojn!

II. — Les trairies (1) — La bulktiradoj.

Kutimo propre Andena, la ludo de l'bulktiradoj okazas je kristnasko.

Unu bulktirado estas serio de kvin «cougnous» (elparolu: kunju) (2) je malgrandiĝanta amplekso kaj havantaj neniun alian nomon ol: «li prumî, li deuzinme, li trwesinme, li quatrinme, kaj... li trôye» (3)

La kristnaskan tagon, post la grandmeso, oni kunvenas ĉe la bakistoj por ludi je l'bulktiradoj. Dek persono kunsidiĝas ĉirkaŭ tablo. Ĉiu pagas la ludprezon (antaŭ la milito tio estis 30 centimoj). Oni miksadas la lukartojn kaj disdonas po unu al ĉiu ludanto, sekvante por tio riton neŝanĝeblan; fine oni turnas la dekunuan karton. Tiu kiu havas la karton plejaltvaloran en la koloro de la returnita, gajnas la unuan «cougnou», la unuan bulketon! Kaj la ludo rekomenciĝas ĝis la gajno de la «trôye». Poste, oni ludas novan tiradon. Oni ludas ĉe 4, 6, 8 tabloj samtempe; oni ludas en la butiko, en la salono, en la kuirejo; oni supreniras eĉ por ludi en la etaĝaj ĉambroj kaj iafoje la ludado okazas eĉ ĝis en la proksimaj trinkejoj!

Ne estis kristnasko por Andenano se li ne ludis kelkajn tiradojn, kaj la elmigrintoj reiras je kristnasko por ludi bulktiradojn. Iuj amatoroj lasas la tablon nur post ludado de 10, 15, 20 tiradoj!

La allogo al la tiradoj, agadas ĉe ĉiuj sociaj klasoj. La tirado okazigas la socian niveligon. Ĉirkaŭ la tirada tablo oni kunestas en vera andena frateco.

Viro aŭ virino kiu dum la 364 ceteraj tagoj de l'jaro ne konsentus porti paketon en la strato, eliras, je kristnasko de ĉe l'bakisto kun du grandegaj brakplenoj da «cougnous» kiujn ili portas tiel fiere kiel la triumfulo sian laŭran kronon!

Tiu kutimo estas tro malnova, ĝi havas tro profundajn radikojn en la koro de l'Andenanoj, por ke ĝi malaperu ian tagon. Devige interrompita dum la milito, kiam la panporcio estis severa mezurita al ĉiuj, ĝi de tiam akiris novan viglecon.

Kun permeso de l'aŭtoro tradukis. L. COGEN.

(1) Trairies, vorto uzata nur en Andeno, devenas de l' latino «trahere», tiri.

(2) Cougnou, devenas de l' latino «cuneus», angulo (komparu kun «kojno»). Estas bulketo longforma finiĝanta ambaŭ flanke per pinto aŭ angulo.

(3) Tio estas: la 1a, la 2a, la 3a, la 4a kaj... la porkino. Trôye signifas «porkino», france truie. La 5a bulketo estas nomata tiel pro ĝia malgrandeco.

# BONHUMORO.

**En la arkeo de Noe.**

Kiam okazis la diluvo, la arkeo de Noe savis de la morto, kiel ĉiu scias, paron de ĉiu speco de bestoj.

La elefanto kaj la pulo enŝipiĝis la lastaj. Sed, kiam tiuj du bestoj troviĝis sur la enirponto, la pluvo ekfalis. La malfeliĉa pulo baldaŭ duonsubakviĝis. Ĉar ĝi ne kapablis antaŭiri la grandegan kvarpiedulon, la besteto, per energia saltego, sin lokigis sur la malantaŭaĵo de la elefanto.

Kaj tiu-ĉi lasta, turnante la kapon ,furioze ekkriis :

— He! vi, ne puŝu tiom !

**Estas tiel bona !**

Pastro kaj rabeno vojaĝis kune per la sama vagonaro. Post kelkaj minutoj, la pastro malfermis paketon, prenis el ĝi ŝinkobulkojn, kaj prezentis unu al la rabeno.

— Ĉu estas ŝinko ? malfideme informetis la rabeno...

— Nu, jes ! iom pikeme respondis la pastro.

— Ho ! protestis la rabeno kun rifuzanta gesto: tion mi ne povas manĝi; tion mia religio malpermesas.

— Nu, ridetis la pastro ; estas bedaŭrinde por vi : se vi scius kiel bone ĝi gustumas !

La vojaĝo daŭriĝis dumtempe, ĝis kiam, je la alveno en iu stacio, la pastro eliras la vagonon.

— Bonan vojaĝon, li afable diris al la rabeno.

— Dankon, respondis tiu-ĉi: multajn salutojn al via edzino !

— Mia edzino ? mirigite demandis la pastro... Tiun mi ne havas, tion mia relegio malpermesas.

— Ho ! ŝajne kompate respondis la rabeno; estas bedaŭrinde por vi : se vi scius kiel bone estas !

**Glaso da akvo.**

Barono, al nova servisto :

— Donu al mi glason da akvo.

La servisto alportas ĝin.

— Johano, rimarkigas la barono, prezentu tion sur telero !

La servisto revenas, kun telero sur kiun li verŝis la enhavon de la glaso.

— Idiotulo, krias la barono ; kiamaniere mi trinku tion ?

— Mi verdire faris al mi la saman demandon, murmuris la servisto.

**Brita spritaĵo.**

Tri aŭtomobilistoj sin prezentas antaŭ juĝisto, kulpigataj pri tro granda rapideco.

— Mi, diras la unua, Anglo, mi apenaŭ rajdis je 15 kilometroj hore.

— Mi, Sinjoro juĝisto, diras la dua, Skoto, mi precize rajdis je 9 kilometroj hore.

—Kaj mi, diras la tria, Irlandano, rigardante malŝateme la du aliajn, mi rajdis returne !

**Logika sekvo.** — La instruisto: Kio estas hommortigo pro nesingardo ? Neniu respondo.

La instruisto: Nu! Supozu, ke aŭtomobilo freneze rapidira mortigas min; kio okazos ?

Ĉiuj lernantoj: Tritaga libertempo!

**Ne ŝanco.** — Por pasigi la libertempon ni iros al Vichy... Mia edzo havas terurajn stomakdolorojn.

— Vi ja havas ŝanĉon!... Mia edzo « bedaŭrinde» bone fartas...

**Praktika Knabskolto.** — Mi tre miras, pro tio, ke mi trovas vin, skolton, prenantan pomon el mia ĝardeno.

— Mi pensis, ke por ĉi tiu fojo, Sinjoro, mi faros la bonan agon por mi mem !

**Aminda Infano.** — Panjo, ĉu mi devas ankoraŭ lavi mian vizaĝon ?

— Sendube, karulineto ! Kial ne ?

— Ho, mi pensis, ke mi povus simple surpudrigi ĝin, kiel vi.

---

## UZO DE ESPERANTO EN TURISMO KAJ KOMERCO.

**La Ministerio por Komerco kaj Trafiko, en Vieno,** eldonis lukse ilustritan gvidfolion «Aŭstrio» kun landkarto. Ĝi estas senpage havebla de Internacia Esperanto-Muzeo, Annagasse 5, en Vieno I, kiun ĉiu Esperantisto subtenu per alsendo de materialo kaj aniĝo (jarkotizo de almenaŭ s. fr. 1,20). Ricevita materialo estos kvitancita per dankletero kaj aniĝo per alsendo de membrokarto.

**La Foira Komitato de Frankfurt** daŭrigas uzi Esperanton por sia propagando. Bela 12-paĝa prospekto ilustrita aperis pri la Printempa Foiro kiu okazis de la 14a ĝis 17a de Aprilo. Al niaj samideanoj-komercistoj kaj industriistoj ni memorigas, ke la Foira oficejo havas Esperanto-Fakon, kun kiu ilu povas korespondi per nia lingvo.

**Grava Internacia Ekspozicio de Ĝardenkulturo** estos oganizata en Kortrijk (Courtrai), Belgujo, la 14, 15 kaj 16an de Septembro 1929. Ĝi ampleksos la urban teatron, la komercan borson kaj ĉirkaŭajon. Ĉiuj sciigoj estas haveblaj ĉe Sr-o J. Callens, Groote Markt, 1, Kortrijk. Ankaŭ estas eldonitaj glumarkoj kun Esperanto-teksto. Mendu ilin ĉe la sama adreso ! La kvanto de la petoj atestos pri la disvastiĝo de nia lingvo. La Kortrijk'a regiono estas tre interesa kaj alloga; ĝi nombras multe da samideanoj kaj al vizitontoj de Belgujo ni rekomendas ĝin nepre viziti.

---

## DIVERSAJ INFORMOJ.

**Antaŭkongreso al la XXIa kaj Malfermo de Internacia Esperanto-Muzeo, Vieno.** — La organizantoj petas nin, sciigi ke, pro tio ke la ŝipo sur Danubo ne veturas la 1. de Aŭgusto, ili devis ŝanĝi la tempon por la aranĝoj, kiuj okazos 30an de Julio - 2an de Aŭgusto. Tio ne malhelpos la ĝustan alvenon en Budapest, kie la 2an de Aŭg., post alveno de la ŝipo, estos salutvespero. Petu ĉiujn praktikajn informojn de la Komitato: Annagasse 5, Vieno I.

**A. S. Centra Esperanto Librejo, en Hago (Nederlando).** — En la eksterordinara ĝenerala kunveno de akciuloj de tiu societo, okazinta la 20an de Aprilo, la propono pri la ŝanĝo de la statuto, konforme al la nova nederlanda leĝaro pri la akciaj societoj, estis aprobata.

**Granda semajno en Oostduinkerke.** — La gazeto « L'Avenir d'Oostduinkerke » sciigas, ke la Brita Esperanto-Asocio, organizas en 1929 du specialajn libertempo-semajnojn por la samideanoj anglaj, belgaj, nederlandaj, francaj, germanaj, k.t.p. La unua okazos en Rouen je la komenco de Aŭgusto. La dua estas organizata en Oostduinkerke de 13 ĝis 20a de Julio : ĝi kunigos centon da partoprenantoj. La organizantoj projektas ekskurson al Yperen kaj alian al Bruĝo. Okazos ankaŭ amuziga vesperfesto.

**Tri filmoj pri Budapest kaj pri la Hungara vilaĝa vivo ekzistas por** la lumbildaparatoj « Fotoskopo ». Ni tre rekomendas ilin al grupoj kiuj volas organizi paroladon pri la proksima kongresloko. Por la prezentado de tiuj filmetoj la Organiza kongreskomitato liveros klarigan tekston, kiu estas ankaŭ prunte havebla ĉe Belga Esperanto-Instituto, Antverpeno.

**Postkongreso en Praha. — Postkongresa vojaĝo tra Ĉehoslovakio de 9-11 VIII 1929.** — Gesamideanoj, kiuj vizitos la kongreson en Budapest, uzu la bonan okazon, kaj vizitu belan Ĉehoslovakion ! Per via partopreno de la postkongresa vojaĝo tra Ĉehoslovakio vi nenion malprofitos: ĉar ĉehoslovakaj fervojoj estas pli malmultekostaj ol de la najbaraj landaj, ĉar vi ricevos sufiĉe altan fervojan rabaton 30-50 %, kaj ĉar vi pagos nenian kotizon.

**Provizora programo :** 9-8-1929 : antaŭtagmeze post fermo de la kongreso de Budapest, komuna forveturo al Brno (tra Bratislava). En Brno oni vizitos grandan ekspozicion kaj trarigardos la urbon. Tie oni pasigos la nokton.

10-8-1929 : materne, forveturo al Blansko, kie oni vizitos la fame konatan labirinton de mirbela grotaro kaj abismego Macoha. Nokte forveturo al Praha.

11-8-1929 : Rondvojaĝo kaj vizito de la vidindaĵoj en Praha, vespere amika kunveno kun la Prahaj gesamideanoj.

Komitato de postkongresa vojaĝo tra Ĉehoslovakio. Adreso : Esperantista Klubo en Praha I., na Perŝtynê 11.

**Internacia Societo de Skrib- kaj Libroscienco** estas fondita en Frankfurt-Main, la 21an de Oktobro 1928. Tuj aliĝis 152 personoj La celo de la nova societo estas, helpi ĉiamaniere la sciencon de skribarto kaj de librohistorio de ĉiuj tempoj kaj nacioj. Tiu ĉi celo estu atingota: per invitoj al ĉiuj personoj de la tuta mondo, kiuj interesiĝas je skrib- kaj libroscienco, por ke ili kunlaboru; per paroladoj pri esenco kaj historio de skribarto kaj de libro; per morala kaj financa helpo de sciencaj laboroj pri skribarto kaj pri libroj; per konkursaj taskoj. - La kotizo estas 3 Rm. La societo, kies adreso estas: Prof. Dr.Schramm, Südstrasse, 72, Leipzig, eldonis alvokon en lingvoj germana, franca, angla kaj Esperanto.

**Korespondado kun Guatemalo.** — Deziras interkorespondi kun geprofesoroj el Belgujo: Prof. Carlos Cobar, Antigua G., Rep. de Guatemalo, A. C.

**Tre Grava! Alvoko al la Inĝenieroj-Esperantistoj.** — Internacia Teknika Kongreso okazos en Tokio, dum 2 semajnoj, de la 29a de Oktobro 1929. La programo enhavas 23 fakojn, krom antaŭ-, dum-, kaj postkongresaj ekskursoj. Aliĝis jam 350 partoprenontoj el Eŭropo kaj Ameriko. Inter la proponoj prezentotaj al la Kongreso estas unu pri Esperanto. Ĝi estos prezentata de niaj samideanoj K. Takahaŝi kaj T. Minoda, ambaŭ civilaj inĝenieroj el Tokio. Jen la teksto de la propono:

Konsiderante la rapidan progreson de la internaciaj rilatoj pro la lastatempa disvolviĝo de interkomunikado,

Konsiderante la mirindan facilecon de la internacia lingvo Esperanto, precipe ĝian neŭtralecon plej grava,

La subskribintoj proponas:

1e, ke la oficiala lingvo de la internacia teknika kongreso estu de nun Esperanto, kaj ĉiu partoprenanto estu tiel egale rajtigita kiel aliaj, uzi sian propran lingvon laŭvole, kondiĉe ke oni nepre aldonu tradukon en Esperanto;

2e, ke por akceli praktikan uzadon de Esperanto inter inĝenieroj tutmondaj, kiel la plej efika rimedo por interŝanĝi sciojn kaj por interamikiĝi inter si, estu nomata agada komitato por komisii jenajn taskojn: a) kompili sub aŭspicoj de la Esperantista Akademio en Parizo vortaron de inĝeniera terminaro, b) eldoni organan gazeton kaj inĝenierajn librojn en Esperanto.

Rilate al la libroj, la proponintoj opinias, ke estas rekomendinde traduki antaŭ ĉio inĝenierajn poŝlibrojn, kiuj pritraktas plej vaste pri diversaj branĉoj de la inĝeniera scienco, ekz. «Des Ingenieurs Taschenbuch» de Hütte, k. t. p.

La suprenomitaj samideanoj petas subtenon de alilandaj inĝenieroj por prezenti la proponon. La fakuloj bonvolu skribi al S-ro T. Minoda ĉe Tecudo Kjokai. Jurakuĉo, Tokio (Japanujo) indikante nomon, naciecon kaj specialaĵon, ekz. meĥanikisto, ĥemiisto, arkitekto, k.c.

---

## BIBLIOGRAFIO

**NOVSPIRITO** (Dumonata Gazeto), kies unua kajero aperis en Jan.-Februaro. Broŝurformato. Organo de La Novspirita Movado. Abono kostas 3 sv. fr. Adreso: «Esperanto» International New Thought Alliance, 93 Mortimer Street, Londono, W. 1., Anglujo.

**POEZIOJ DE L. L. ZAMENHOF**, skribitaj en Esperanta Stenografio Duplopê-Flaguel. Eldonejo de Esperanta Stenografio, 9, Boul. Voltaire. Issy-les-Moulinaux (S.), Francujo. 16 paĝa broŝureto. Prezo F.fr. 1,50 (1 respondkupono). La eldonejo volonte sendos senpage lernolibron de Esperanto Stenografio al ĉiuj legantoj de nia gazeto, kiuj mendos ĝin samtempe kun la suprecitita unua verketo.

# Belga Ligo Esperantista

**Fondita en 1905.**

Honora Prezidanto: **Princo Leopoldo, Duko de Brabanto.**
(Honora Prezidinto : formortinta Generalo Grafo Leman).

**Estraro :**

Prezidanto pro honoro : A. J. Witteryck, Steenbrugge.
Prezidanto: F. Schoofs, Kl. Hondstr.,11, r. du Petit Chien, Antverpeno.
Vic-prezidantoj : L. Cogen, Dreef, 52, Drève, Ninove.
P. Kempeneers, r. aux Laines, 20, Wolstr. Bruselo.
Ĝenerala Sekretario : H. Petiau, St. Lievenlaan, 60, Bd. St. Liévin, Gento.
Kasisto : M. Jaumotte, Lage Weg, 254/14, Chemin Bas, Hoboken-Antverpeno.
Direktoro de la oficiala organo : F. Schoofs.

**Komitato :**

**Konstantaj komitatanoj :** Cam. Babilon, L. Champy, M. Elworthy-Posenaer, Fr. Schoofs, Osc. Van Schoor.

**Delegitoj de la Grupoj :**

AALST : Grupo « Pioniro ». — R. De Kegel.
ANTVERPENO : « La Verda Stelo », S. s. p. c. — M. Jaumotte, A. Faes.
BRUĜO : Bruĝa Grupo Esperantista. Yv. Thooris, Ch. Poupeye.
BRUSELO : Brusela Grupo Esperantista. - P. Kempeneers, F. Mathieux.
BRAINE-L'ALLEUD : «La Verda Stelo de Brajno ».
CHARLEROI : — Karloreĝa Grupo Esperantista. — A. Henraut.
GENTO : Genta Grupo Esperantista. — H. Petiau, Cl. Van de Velde.
KORTRIJK : Grupo Esperantista. — C. Vanbiervliet, G. Debrouwere.
LIEĜO : Lieĝa Ago ». — E. Oger.
LIERO : Liera Stelo. — Jos Leflot.
LOKEREN : « Durma Stelo ». — A. Roels.
MEĤLENO : Meĥlena Grupo Esperantista. — A. Baesens.
SPA : Grupo Esperantista. — J. Desonay.
S-ta NIKOLAO : Grupo « Al Triumfo ». — R. Geerinck.
SCLESSIN-LIEĜO : « Grupo Esperantista ». — J. Bissot.
TIRLEMONT : Grupo Esperantista. — Em. Rodeyns.
VERVIERS : Grupo Esperantista. — Jos Hérion.

**Juĝantaro pri profesora kapableco :**

Efektivaj membroj : F-ino M. Jennen, L. Cogen, Cl. Vandevelde.
Anstataŭantoj : Oscar Van Schoor, A. Henraut, F. Mathieux.

---

**Kotizo :** Fr. 20,— jare, inkluzive abono al «Belga Esperantisto».

**Poŝtĉeko :** 1337,67.